AktivAmeriko

UEA-Komisiono por Ameriko

Nova¬letero - **N-ro 1**, Decembro/98

# Ĉu Esperanto estas Eŭropa aŭ Amerika Lingvo?

*Renato Corsetti*

Pluraj tradiciaj esperantistoj insistas ke Esperanto estis inventita en Pollando, en la malnova centreŭropa koro de Eŭropo. Ili ankaŭ provas pruvi ke Esperanto plejparte konsistas el elementoj de eŭropaj lingvoj. Je la fino, kiam mankas aliaj temoj, ili diras: "Nu, bone, sed tamen UEA estas en Nederlando, la Universalaj Kongresoj okazas plej ofte en Eŭropo kaj Monato estas eldonata en Belgujo!".

Ili evidente eraras.

Esperanto estas ĉefe amerika lingvo, ĉar ĝi enhavas ĉefe elementojn el la lingvoj franca, angla, hispana kaj portugala, vaste parolataj en Ameriko de la Nordo al la Sudo. Ĝia gramatiko multe similas al tiu de la kreolaj lingvoj parolataj en Centra Ameriko.

Estas vero ke la malnova oficejo de UEA estas en Nederlando, sed la prezidanto de la Akademio de Esperanto estas en Brazilo. Estas vero ke Monato estas eldonata en Belgujo, sed ĝi estas multe pli teda ol la revuoj eldonataj en Ameriko. Estas vero ke la movado en Eŭropo havas tradiciojn, sed la movado en Ameriko estas multe pli dinamisma.

*daŭrigo en paĝo 2*

# Bonan aperon!

La apero de tiu ĉi cirkulero markas novan etapon en la Amerika Agado de UEA. La nova cirkulero certe montriĝos bona kanalo por informoj, kies diskonigo al la aktivuloj kaj apogantoj de la Amerika Agado estos necesa kaj utila. Tiaj informoj ja povas esti iom specifaj, tiel ke ekz. la revuo "Esperanto" ne ĉiam estas taŭga forumo por ili. Kaj amerika Esperanto-revuo ankoraŭ mankas...

La utileco de ĉi-speca informilo estas jam pruvita. Nome, la Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado de longe eldonas bultenon, sen kiu la progreso de nia movado en Azio certe ne estus tiel sentebla kiel ĝi estas.

Mi kore salutas la amerikajn aktivulojn, kun la espero, ke ilia nombro kreskos kaj ke ilia voĉo en la tutmonda movado estos pli kaj pli forta! Mi ankaŭ elkore dankas ĉiujn, kiuj per siaj donacoj helpas plifortigi la Fondaĵon Ameriko de UEA, por ke ĝi estu pli kapabla apogi bonajn iniciatojn kadre de la Amerika Agado.

**Osmo Buller**
*Ĝenerala Direktoro de UEA*

Vi trovos dokumentojn kaj informojn pri **UEA-Komisiono por Ameriko** same en Internet, sub:

http://www.digicron.com/ameriko

***Longdaŭra revo*** *de la Esperantistoj en Ameriko estis la aperigo de propra eldonaĵo por diskonigi al la cetero de la E-Movado pri la evoluo kaj atingoj de nia lingvo en la vasta amerika kontinento. Bona elmontro de tiu deziro estis la revuo "Amerikonŭta", nia brila antaŭulo, kiu baldaŭ post sia apero ĉesis vivi.*

*Hodiaŭ dank'al la aktiva kaj intensa kunlaboro de la diversaj membroj de la UEA-Komisiono por Ameriko atingas vin la unua numero de AktivAmeriko. Ĝi celas esti forumo de nia amerika aktivularo, la esprimejo al la planoj, ideoj kaj ĉefe realigoj en nia kontinento. Per* AktivAmeriko *certe ankaŭ ĉiuj interesitoj pri la vivo de Esperanto en Ameriko povos konatiĝi kun ĝi kaj konstati, kiom da bonaj efikoj alportas ilia subteno al la planoj de la Komisiono.*

*Mi invitas ĉiujn ricevantojn de* AktivAmeriko *aŭdigi sian voĉon en niaj paĝoj, kio estos al ni la plej klara pruvo pri ties utileco kiel komunikilo inter ni.*

**Atilio Orellana Rojas**
UEA-komisiito por Ameriko

# Komisiono por Ameriko kunsidas en Montpellier

*150 kongresanoj (el 25 landoj) partoprenas*

Malferma kunsido de Amerika Agado, okazis la 6-an de Aŭgusto kadre de la 83-a UK en Montpellier. Enkonduke prezentis la celojn de tiu Agado, laŭ propono de la Komisiono, James REZENDE PITON helpe de sinjorino Symilde SCHENK LEDON (Brazilo). Pri tiuj celoj kaj iniciatoj vi detale legos en tiu ĉi kaj en la venontaj numeroj de *AktivAmeriko*.

Sekvis la raportoj de reprezentantoj de landaj movadoj. D-ro José Antonio VERGARA, el Ĉilio (kiu i.a. lekciis en nia ĉijara Internacia Kongresa Universitato pri Epidemiologio), rakontis pri la malfacilaĵoj lokaj pro netaŭgaj kondiĉoj kaj ia malinteresiĝo ĝenerala, pro la neevidenteco de lingva problemo en Latinameriko. Li tamen okazigis kurson en sai Universitato kaj sukcesinta lernanto ĉeestis la Kongreson. Liaopinie, Kongresoj en apudaj landoj eventuale allogus ĉiliajn esperantistojn.

Rodrigo A. RAMIREZ informis, ke en Kolombio ekestis organizita E-movado en la jaro 1909 kaj sporade la movado revigliĝas. La instruadon de Esperanto en Kolombio faciligas ekzistanta metodo, kiu konsistas el 6 kasedoj kaj unu lernolibro. Kiel prezidanto de la Organiza Komitato, li respondis demandojn pri la preparo de la Kvara Tutamerika Kongreso de Esperanto (vidu detalajn informojn en la paĝo 4), kiu okazos sub la

*daŭrigo en paĝo 3*

Ĉu Esperanto... , daŭrigo el paĝo 1

Nu, kvankam Eŭropo naskis Esperanton, nun estas la tasko de Ameriko kreskigi ĝin, kaj Ameriko havas ĉiujn kapablojn por tion fari.

Mi vere esperas ke ĉiuj amerikaj esperantistoj finfine sentos la grandan respondecon, kiun ili havas. Se ili ne mem kreskigos kaj disvastigos Esperanton antaŭvide al la venonta jarcento, ili vane atendos helpon el la tradicia sed malmoviĝema eŭropa movado.

Mi esperas ke ĉiuj amerikaj esperantistoj intensigos sian kunlaboron kun la Amerika Komisiono de UEA kaj inter siaj organizaĵoj.

Mi esperas ke la Kampanjo 2000 donos la taŭgan kadron al amerikaj esperantistoj streĉi siajn fortojn por atingi la tri esencajn levojn (de la organiza nivelo, de la prestiĝo de Esperanto kaj de la influo al la internacia vivo).

Vi, leganto, de ĉi tiuj linioj, rajtas postuli de via propra organizaĵo (aŭ de UEA) ekzempleron de la plano por la Kampanjo 2000, kaj vi sciu ke sen via kunlaboro nenio okazos.

UEA, pere de sia Amerika Komisiono, provos helpi vin. Multajn bondezirojn al vi kaj al *AktivAmeriko*. ❖

---

**D-ro Renato Corsetti** *estas estrarano de UEA pri Landa Agado.kaj D en Palestrina (IT).*

***FONDA¬O AMERIKO* DE UEA**
subtenas la diversajn agadojn de Amerika Agado: forsendado de lerno- kaj lego-materialo al nepagipovaj landoj, partoprenigo de aktivuloj en E-aranĝoj, intensigo de informfluo inter amerikaj landoj k.s.
Donacojn oni povas sendi al landaj kotizperantoj aŭ rekte al:

*Centra Oficejo de UEA*
*Nieuwe Binnenweg 176,*
*NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.*

La manierojn transpagi vi trovos en p. 40 de *Jarlibro 1998*.
Ne forgesu klare indiki, ke via donaco celas tiun Fondaĵon. Antaŭdankon!

---

*La Komisiono, kunsidanta en Montpellier, aprobis subvencion al aktivulo Rubén Diaconu (Argentino) por partopreni la venontan UK-n, en Berlino, 1999. La gravecon de tiu subvencio, veninta el pluraj donacoj i.a. de Landaj Asocioj en la amerika kontinento, klare montras la raporto de la subvenciito en 1998. Reinaldo Marcelo FERREIRA (Brazilo) rakontas:*

# Kvar Monatoj da Esperanto en Eŭropo

Volontuli ĉe UEA kaj partopreni en UK estis kerna parto de miaj verdaj planoj, ŝpinitaj ie en la fora Brazilo. La perspektivo ekkoni la realon kaj funkciadon de Esperanto en aliaj latitudoj ja impresas interese. Precipe al homo kiel mi, neniam transpaŝinta la landlimojn. Spronis min kroma perspektivo, ĉi tiu certe pli valora? Lerni kaj kleriĝi esperantisme. Okazo por ĉio ĉi venis en julio pasintjare, kiam UEA-komisiono por Ameriko, kunveninta en Adelajdo, decidis venigi min al Eŭropo. Ĉefa celo de tiu stipendio estas la primovada (pli)spertiĝo de la favorato. Preparado por tiu vojaĝo treniĝis dum kelkaj monatoj. Fine, en majo, danke al Fondaĵo Ameriko, mi povis atingi Nederlandon, kie ekis mia kvarmonata esperantumado. Ĝia unua ŝtupo kondukis min kiel volontulon ĉe la pint-organizaĵon de la monda esperantistaro. Interesa sperto, kiu ne nur streĉis la muskolojn kaj la cerbon, sed ankaŭ ebligis al mi ricevi pli klaran bildon pri la strukturo de la movado.

De la CO [Centra Oficejo], oni povas havi panoraman vidon pri nia Esperanta universo, tiel vasta kaj multfaceta. Tie mirigis min la konstanta amasego da laboro (kaj la pli poste konstatita deficito inter laborkvanto kaj laborforto!). Cetere, malkiel kelkiuj povus supozi, nia internacia stabo ne konsistas el malpragmatuloj, kiuj pasigas la tempon antaŭ kaftasoj, teoriume. Ĝi estas sperta teknika skipo ŝarĝita je laboro la tutan jaron: dumonata volontulado en la CO pli ol sufiĉis por tion konstatigi al mi.

Kroma menciinda sperto en tiu periodo estis mia julia ĉeesto en la Londona Esperanto-Klubo, kie mi (tre amatorece) prelegis pri Brazilo al ĉirkaŭ dudeko da ĉeestantoj.

### Montpeliero kaj Hago: lerni, labori, amuziĝi

En Montpellier, validis por mi la devizo "tage, studi kaj labori; nokte, amuziĝi". Inter partopreno en Cseh-seminario kaj deĵoro en la budo de Ameriko, eblis al mi kleriĝi pri pluraj temoj ligitaj al nia lingvo kaj al ĝia movado. El la vasta program-mozaiko malfacilis, tamen, elekti la erojn ĝuotajn: multo interesa tempe koliziis. Tiun "perdon" iel kompensis la vesperaj babiloj kaj diskutoj kun junaj movadanoj. Diskutoj, kiuj riĉigis kvazaŭprelege mian kongresan semajnon.

UK-on sekvis samurbe ILEI-konferenco, kiun mi partoprenis kiel reprezentanto de ties brazila sekcio. Same gravaj kaj interesaj kiel la programeroj estis personaj kontaktoj kun diverslandaj instruistoj. Cseh-metodo, Urso-kurso, metodo Freinet, kunagaj ludoj ktp. Rivoluis ĉirkaŭ la konferenca akso. Resume? Riĉa rikolto de scioj, esencaj por mia aktivado en Brazilo sur la Esperanta instruad-kampo.

Tiun instruan aventuron en Eŭropo kronis 37 tagoj da volontulado ĉe IEI, kie mi plenumis plej diversajn taskojn. Kiel rekompencon por mia laboro, la instituto donacis al mi multajn, valorajn librojn, kies sendkostojn por Brazilo pagis Fondaĵo Ameriko. ❖

Komisiono kunsidas... , *daŭrigo el paĝo 1*

**DONACOJ AL *FONDAĴO AMERIKO* DE UEA**
(sumoj en guldenoj, ĝis la 31-a de aŭgusto)

**Belgio**: J. C. Thumerelle 54,38
**Brazilo**: M. Almada 1030,20; S. S. Ledon 101,00
**Finnlando**: kol. A. Harju 74,20; Saliko 111,00
**Hungario**: P.P. Denke 107,84
**Kanado**: Libroservo de KEA 140,05; J. E. Smythe 61,74
**Meksiko**: MEF 289,67
**Nederlando**: Fam. Bossong 50,00; N. C. Kuiterman 100,00; R. Moerbeek 100,00; memore al Roelofs 400,00
**Svedio**: A. Bergh 128,75
**Svislando**: G. Eggenberger 128,00; L. Ortelli 30,14; D. Pochanke 13,70
**Usono**: ELNA 604,50; L. Harmon 101,00; D. Holland 201,73; B. Maxey 380,40
**Venezuelo**: J. E. Bachrich 200,50

Estis cetere kolektita en la UK-budo la sumo de 288,11 guldenoj. Ĉi-jara entuta sumo: **4 646,41 guldenoj**. Koran dankon al la donacintoj!

*laŭ* Oficiala Informilo *de UEA*

La ideon de la simbolo de tiu ĉi nia novaĵletero donis al ni elstara amerikano: **Francisko Veuthey**, el Argentino, redaktoro de la Jarlibro. Dankon, *Franĉjo* !

# 4-a Tutamerika Kongreso de Esperanto

Bogoto, Kolombio - Januaro 27-Februaro 3, 1999

Temo: "ESPERANTO KAJ LA TRIA JARMILO"

*En altega paradiza ebenaĵo, Bogoto, la kolombia ĉefurbo, gastigos la Kvaran Tutamerikan Kongreson de Esperanto. Kun 6.5 milionoj da loĝantoj, Bogoto estas ĉarma, trezorplena kaj vere vizitinda urbego...*

Prelegoj
Debatoj (Mallonga instiga prezentprelego kaj diskutado) Fakgrupaj Kunsidoj
Laboraj Kunsidoj
Prezentado de Projektoj Diskonigindaj
Kulturaj kaj amuzaj programeroj.
UEA-ILEI-ekzamenoj

Poŝta adreso de la LKK:
Apartado Aéreo 54800, Bogotá 2, Colombia
retadreso *: take99@colomsat.net.co*

*http://esperanto-kolombio.org/take4/take4.htm*

Kongresejo : Winston Salem School
Calle 152 #25-00, Bogoto, Kolombio

temo "Esperanto kaj la Tria Jarmilo" en Bogoto, de la 27-a/Januaro ĝis la 03-a/Februaro de 1999.

La komisionano Prof-ro Hugo MORA POLTRONIERI resume prezentis la historiajn aspektojn de la movado en Kostariko kaj parolis pri la fama nacia verkisto Carlos Gagini, kiu interesiĝis pri Esperanto en la 20-aj jaroj. Nuntempe kursoj en *Universidad de Costa Rica* okazas dufoje jare. Prof-ro Mora diris, ke la revigligon de sia landa E-movado siatempe realigis la iama komisionano Antonio LEONI DE LEÓN (nun loĝanta en Eŭropo).

Julián HERNÁNDEZ, prezidanto de Kuba E-Asocio, vigle raportis pri la movado en sia lando. Kun 900 membroj, la bazaj celoj de la asocio estas kulturigo kaj informado, kun speciala atento al la artaj prezentoj. Sekve de tio, ĵus okazis (21-a kaj 22-a de Oktobro) la 2-a E-Festivalo en Santiago de Cuba.

Multaj demandoj ekestis el la publiko al la kuba reprezentanto. Li respondis i.a. ke la celtavolo de la agado de KEA estas profesiuloj, lernejoj kaj laboristoj. Pri subvencio ŝtata nur citendas la donacita sidejo kaj senpagaj intervjuoj, tri kursoj kaj apogo de komunik-medioj, daŭra ekspozicio en la Nacia Biblioteko. Ekzistas grupo pri turismo por esperantistoj, Radio Havano elsendas E-programon kaj hejmopaĝo estis kreita. KEA ricevis subvencion "CIGNO" por aĉeto de komputiloj kaj materialo profite al siaj provincaj filioj.

Letero de Leonora TORRES Y TORRES, komisionanino por Meksiko kiu ne povis iri al la Kongreso, raportis pri projekto"Orabelo", kiu okupiĝas pri abelbredado kaj produktado de mielo "Esperanto", pri varbado per kompakta disko kun kristnaskaj kantoj en Esp-o, organizado de E-kursoj per bibliaj tekstoj kaj infankantoj per sonbendoj "Kri-kri". Meksika E-Federacio havas 80 membrojn kaj lernantoj sumas 110.

Dorothy HOLLAND, tiama komisionano por Usono, raportis pri la stato de la projekto de videokurso "Pasporto al la Tuta Mondo". Ŝi reliefigis la rilatojn kun ambasadoroj alilandaj favore al la fondo de etaj grupoj en Mezameriko, pri kio jam estis kelkaj pozitivaj reagoj. Membriĝinta esperantistaro en Usono sumas 800. La ŝtato ne donas subvenciojn al la movado. Demandita kiel motivigi la lernadon de E-o en Usono, Dorothy atentigas pri "emfazo pri faciligo de la lernado de aliaj lingvoj". Laŭ ŝi ĉiam efikas, ke la diskonigo estu de homo al homo.

Rakontis nia komisionano Prof-ro Juan Eduardo BACHRICH, ke la movado en Venezuelo bonfartas sen prospero. La organo "Venezuela Stelo" 25-jariĝis kaj hispanlingva revueto estas eldonata. Pri E-kursoj, ili ekzistas ĉe homeopatiaj instancoj kaj universitato. La laboro celas allogi studentojn, ekz. per ekskursoj, sed sen granda sukceso. Reklamado per afiŝetoj kaj flugfolioj estas ĉiam efikaj.

Je la fino parolis la komisiito Atilio O. Rojas, kiu dankis la ĉeeston de la partoprenantoj kaj la ĝeneralan subtenon al Amerika Agado. Atilio liveris bukedon al s-ino Dorothy Holland, s-ino Symilde Ledon kaj al s-ro Antonio Leoni de León kiel dankon pro ilia multjara kunlaboro kiel membroj la Komisiono. Iliaj anstataŭantoj estas resp. Bill Maxey, James Piton kaj Hugo Mora, kies indikoj estis aprobitaj dum kunsido de la Komisiono. ❖

*surbaze de la protokolo verkita de* **Symilde S. Ledon**

## EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'

**Argentino**

**Ĵus elektiĝis** la nova estraro de AEL, dum sia nacia kongreso en Sáenz Peña, sub la plua gvidado de Silvia Rottenberg. La jara Asembleo deklaris "Honora Membro de AEL" la famajn prof-rojn Jorge Abraham kaj Enrique Balech.
La venontjara kongreso (la 53-a) same okazos dum printempo (suda), en Bariloche, en la belega regiono de Anda Patagonio.

**Brazilo**

**Brazila E-Ligo (BEL)** lanĉis interesan kampanjon cele al la pligrandigado de sia membraro. Tiuj, kiuj pagos sian jaran kotizon ĝis la fino de Marto, ĝuos 30%-an rabaton.
Laŭ la prezidanto de BEL, D-ro Oswaldo Pires de Holanda, la unuavidan perdon de monrimedoj kompensos pli granda nombro da aliĝoj. BEL havis, en 1998, ĉ. 700 aliĝintajn membrojn. Tio estas malgranda nombro, kompare al la 500 brazilanoj aliĝintaj al UEA kiel individua membro. BEL havas specialan kategorion "Nova Membro", por tiuj, kiuj *neniam* aliĝis. Tiu unuafoja membro pagos ĉirkaŭ 20% de la normala individua kotizo kaj dum unu jaro ĝuos la samajn rajtojn de la aliaj membroj.

**Kostariko**

**KREA**, la landa asocio, elektos novan estraron en la 12-a de decembro.
**Fine de Januaro** Hugo Mora, Ronny Barboza kaj Alejandra Suarez instruos okhoran kurseton. La kursoj okazos kadre de la malfermaj *"Cursos Libres"* de Universitato de Costa Rica. La interesatoj povos poste sekvi la normalan plilongan kurson gvidatan de H. Mora en la sama universitato.

**Usono**

**En Julio** ELNA, la usona LA, okazigis kune kun kelkaj kanadaj E-organizaĵoj tre sukcesan kongreson en Montrealo, precize en la semajno kiam antaŭ 90 jaroj realiĝis la unua E-kongreso en tiu mondparto. La 1999-an landan kongreson gastigos somere la E-societo en Sankta-Luizo, konata kaj historia urbo ĉe rivero Misisipo.
**Preskaŭ 15%-a** kreskado en 1998 nun donas al ELNA pli ol 800 membrojn, tamen malpli ol duono estas aktivaj. Aparte esperiga estas tio ke pli ol 20% el la novaj ELNA membroj en la lastaj monatoj estas gejunuloj.
**Malgraŭ malnovaj financaj problemoj** ne mankas aktivaj projektoj. Inter tiuj troviĝas: la vidbenda instruprogramo ESPERANTO: PASPORTO AL LA TUTA MONDO, kies unuaj 10 lecionoj estas jam haveblaj.
**Nova fondaĵo (Schulze)** por E-edukado serĉas proponojn por kuraĝigi la parolatan E-on en Nordameriko.
**Almenaŭ unu usonano** ĝu-profitis la novembran E-Kulturan Festivalon en Kubo, unu partoprenis la oktobran argentinan landkongreson kaj alia vizitos E-grupojn en 4 sudamerikaj landoj post la 4-a TAKE en Bogoto.
**W. R. Harmon**, longtempa E-aktivulo kaj usona ĈD, estis elektita honora membro de UEA.

*kompilita laŭ informoj de la respektivaj landaj komisionanoj*

EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'

**AktivAmeriko**

*novaĵletero de UEA-Komisiono por Ameriko*
*aperas dufoje en la jaro (Jun kaj Dec)*

**Redaktanto**
*James Rezende Piton*
✉ Av. João Batista M. do Canto, 257/J2
Campinas (SP) , BR-13031-210, Brazilo
☎ kaj 🖹 +55 (19) 272 5212
*james.piton@iname.com*

**KOMISIONO**

**UEA-Komisiito por Ameriko**
Atilio ORELLANA ROJAS
✉ Riouwstraat 172, NL-2585 HW
Den Haag, Nederlando
☎ +31 (70) 355 6677
🖹 +31 (70) 358 4422
*iei001@worldonline.nl*

**UEA-estrarano (*Landa Agado*)**
Renato CORSETTI (Palestrina, IT)
**Argentino**
Rubén DIACONU (Pcia R. Sáenz Peña)
**Brazilo**
James REZENDE PITON (Campinas)
**Kanado**
Suzanne CARON-RICHER (Toronto)
**Kostariko**
Hugo MORA POLTRONIERI (San José)
**Kubo**
Juan Ramón RODRIGUEZ (La Habana)
**Meksiko**
Leonora TORRES y TORRES (México)
**Usono**
Bill MAXEY (Powhatan)
**Venezuelo**
Juan Eduardo BACHRICH (Caracas)



UEA-Komisiono por Ameriko

Estas necese sendi legomaterialon al kelkaj landoj de Meza Ameriko. Se en viaj bibliotekoj aŭ en la biblioteko de viaj kluboj troviĝas duoblaĵoj, bv. informi la Komisiiton pri la titoloj. Li indikos kion sendi kien, kaj *Fondaĵo Ameriko* kovros viajn sendokostojn.